# La Bulteneto

Numero 8 • René-de-Saussure-Jaro 2018

Kun eseo pri Peter Altenberg
Mit einem Essay über Peter Altenberg

ISBN 978 3 901211 97 3



# 650 JAROJ
# AŬSTRIA NACIA BIBLIOTEKO




Doktorino Johanna Rachinger, ĝenerala direktorino de la Aŭstria Nacia Biblioteko kaj magistrino Michaela Pfundner, la kuratorino de la jubilea ekspozicio dum informa prezentado por ĵurnalistoj la 23an de januaro 2018 en la Pompa Salonego (Prunksaal).

La evangelia libro de Johano de Tropaŭ
Evangeliar des Johannes von Troppau, Prag, 1368




La fermilo de tiu libro kun la literoj AEIOU
kaj la jarindiko 1446

La Aŭstria Nacia Biblioteko (ANB[1]) en Vieno estas historie tre eminenta, sed ankaŭ vigle vivanta biblioteko, kiu daŭre plijuniĝas. Kolektiĝas ĉio, kio aperas en presita aŭ cifereca formo en kaj pri Aŭstrio. Specialaj fakoj estas la kolektoj de papirusoj, globusoj, muzikaĵoj kaj dokumentoj en aŭ pri planlingvoj.

La adreso de ANB estas Josefsplatz 1 en la unua distrikto. La nomo de tiu placo rilatas al la germana imperiestro Jozefo la dua[2], la filo de Maria Theresia.

Ne ekzistas dokumento pri la fondo de ANB, sed ekzistas "fonda kodekso"[3] el la jaro 1368. Tiu kodekso - la evangelia libro de Johano de Tropaŭ - estas la unua libro en la privata kolekto de la Habsburgoj, nome de la duko Albrecht la tria[4]. La literoj estas el oro, la skribo estas gotika frakturo. En la libro aperas la blazonoj de la tiamaj aŭstriaj landoj: Aŭstrio, Karintio, Stirio kaj Tirolo.

Frederiko la tria[5], kiu poste posedis la libron, skribigis sur la unuan paĝon la vokalojn A E I O U kaj la jarindikon 1444. Du jarojn poste la libro ricevis orumitan arĝentan garnaĵon kun jarindiko 1446 sur la fermilo. A E I U O oni klarigas ekzemple per latine AUSTRIAE EST IMPERARE ORBI UNIVERSO – Al Aŭstrio apartenas regi la tutan mondon. Tiun akronimon oni vidas en multaj lokoj de la monarĥio kaj ĝi indikas, ke Frederiko estas la posedanto.

---

[1] Österreichische Nationalbibliothek ÖNB.

[2] Jozefa Placo, germane „Josefsplatz“. Imperiestro Jozefo la 2-a estis reformema germana imperiestro kaj regis 1780-1790. Maria Theresia [terézia], ties patrino, ofte pruntis librojn el la imperiestra biblioteko. Tion pruvas ŝiaj mane skribitaj notoj. Ŝi regis 1740-1780.

[3] Kodekso estas lukse ilustrita kaj ornamita manskribita libro.

[4] Albreĥt la tria regis 1365-1395.

[5] Germana imperiestro, regis 1440-1493.

En tiu tempo oni parolis la unuan fojon pri „biblioteko“; ĝi konsistis el 50 ĝis 60 libroj hermetike fermitaj en diversaj kestoj, kiujn Frederiko transportis kun si dum siaj vojaĝoj de unu rezidejo al alia. La libroj estis parte mane skribitaj, parte jam presitaj kaj estis tiam objektoj de prestiĝo, malpli fonto de scio.

La evangelia libro estas la centra objekto de la ekspozicio „Trezorejo de la Scio“ (Schatzkammer des Wissens), kiu viziteblas ĝis la 13a de januaro 2019. La evangelia libro de Tropaŭ estas la ekspoziciita „objekto de la monato“ en januaro 2018 kaj en januaro 2019. La sekvaj objektoj de la monato estas:
En februaro 2018 papiruso el la dua jarcento post Kristo, kiu dokumentas la komercajn rilatojn inter Egiptio kaj Hindio.
En marto 2018 du mandragoroj (Alraunen), kiuj havas la formon de homaj figuroj.
En aprilo 2018: Unu folio el la jaro 1791 kun muziknotoj de la ne finkomponita rekviemo de Mozart[6].
En majo: Akvarelo-guaŝo el 1815 montranta hoko-lilion crinum ornatum[7] kaj akvarelo el 1799 montranta bengalan tigron.
En junio: Unu folio de la 42-linia biblio de Gutenberg[8].
En julio: Presita mapo el la jaro 1513 de la tiam konata mondo.
En aŭgusto: Foto el la jaro 1858 montranta la regionon de la nuna Sveda Placo en Vieno kun la malkonstruata urba muro.
En septembro: Tre malneta poema manuskripto el la jaro 1984 de la aŭstria verkistino Ingeborg Bachmann[9].

---

[6] Wolfgang Amadeus Mozart [mocart], komponisto, 1756-1791.
[7] Crinum ornatum (latina): Crinum [krinum] = har(ar)o, ornatum = ornamita.
[8] Johannes Gutenberg, ĉ. 1397-1468, inventinto de la libropresado.
[9] Ingeborg Bachmann [íngeborg baĥman], 1926-1973, aŭstria verkistino.

En oktobro: Unu paĝo el la „Libro de la Kontraŭvenenoj“, 13a jarcento, en araba skribo kaj bildoj, kiuj montras diversajn serpentojn.
En novembro: Tabula Peutingeriana (vidu sube).
En decembro: Akvarelo montranta la monaĥejon Admont.


Incipit epistola sancti iheronimi ad
paulinum presbiterum de omnibus
divine historie libris. capitulū primū.
Frater ambrosius
tua michi munus-
cula pferens. detulit
sil et suavissimas
lrās. q̄ a principio
amicicias. fidē pba-
te iam fidei z veteris amicicie nova:
pferebant. Vera eni illa necessitudo ē.

ingressi: aliud extra urbem quererent.
Appollonius sive ille magus ut vulgus
loquitur. sive phus. ut pitagorici tra-
dunt. intravit psas. ptransivit caucasū.
albanos. scithas. massagetas. opulē-
tissima indie regna penetravit. et ad
extremum latissimo phison amne
transmisso pervenit ad bragmanas. ut
hyarcam in throno sedentē aureo et de
tantali fonte potantem. inter paucos
discipulos: de natura. de moribus. ac de

Biblio de Gutenberg, Mainz, ĉirkaŭ 1454

Por eviti damaĝojn estas urĝe necese, ke kelkaj objektoj estas ekspoziciataj nur dum unu monato, kiel ekzemple la muziknota folio de la rekviemo de Mozart, la biblio de Gutenberg kaj Tabula Peutingeriana; tiu antikva mapo montras la stratan reton de la romia imperio; kvankam temas pri kopio el la 12-a jarcento, ĝi estas monda dokumenta heredaĵo de UNESKO, same kiel la Ora Buleo[10]. Tiu buleo estas mezepoka latinlingva jura dokumento de Karolo la kvara, imperiestro de la Sankta Romia Imperio, eldonita en Metz en 1356. Ĝi fiksis la elektadon de la imperiestro fare de la tiam sep princoj, kiuj havis la elektorajton.

La privata habsburga biblioteko evoluis en la sekvaj jarcentoj al la kortega biblioteko kaj poste al la nacia biblioteko.

[10] germane Goldene Bulle.

La germana imperiestro Maksimiliano la unua[11] tre ŝatis librojn. En la ekspozicio oni vidas liajn verkojn "Theuerdank" (signifas nobla pensado) kaj "Weißkunig" (signifas saĝa reĝo). Ambaŭ verkoj estas elstaraj ekzemploj el la pionira tempo de la libropresado komence de la 16-a jarcento. La privata habsburga biblioteko enorme evoluis fare de Maksimiliano. Li tre subtenis la libropresadon kaj komisiis famajn artistojn el la sudgermanaj landoj, ekzemple Albrecht Dürer[12]. Li edzinigis Maria de Burgund, poste Bianca Maria Sforza. Sekve la biblioteko pliriĉiĝis je gravaj mastroverkoj de la franca kaj itala libroarto. La administranto de la biblioteko Conrad Celtis[13] parolis la unuan fojon pri "Bibliotheca Regia", do reĝa biblioteko.
Per la eldono de multaj libroj Maksimilano celis al eterna memoro post sia morto.

Sub la regado de Maksimiliano la dua[14] la biblioteko troveblis en diversaj lokoj, interalie en malsekaj ĉambroj de la Minoritana Monaĥejo (Minoritenkloster), poste en la pli taŭga ejo Harrach-domo, kio estis parto de la imperiestra palaco Hofburg. Tie ĝi restis pli ol cent jarojn.

La nederlanda erudito Hugo Blotius[15] iĝis la unua oficiala direktoro de la imperiestra biblioteko. Li realigis la unuan katalogon kun 7379 notoj pri libroj. Blotius proponis, ke unu ekzemplero de ĉiu libro, kiu presiĝis kun imperiestra privilegio, devas esti liverata al la imperiestra biblioteko. Tiu-ĉi reglamento validas principe ankoraŭ hodiaŭ. Ĉiu publicaĵo, eĉ lokaj

---

[11] Maksimiliano la unua, germana imperiestro, 1459-1519, filo de Frederiko la tria.
[12] Albrecht [albreĥt] Dürer, 1471-1528.
[13] 1459-1508
[14] Maksimiliano la dua, germana imperiestro, 1527–1576.
[15] Hugo Blotius, 1533-1608, nederlanda juristo kaj bibliotekisto.

gazetoj, notpaperetoj de famaj verkistoj, faldfolioj, afiŝoj kaj tiel plu devas esti kolektataj de ANB.

En la jaro 1655 pro monomanko la komercista familio Fugger en Aŭgsburgo devis vendi 15 mil librojn. Ilin aĉetis imperiestro Ferdinando la tria[16] kontraŭ 15 mil guldenoj, kvankam akceptebla prezo estintus 40 mil guldenoj.

Peter Lambeck[17] estis la bibliotekestro ekde 1663 kaj samtempe imperiestra historiografo. Por pliampleksigi la bibliotekon li ricevis ĉiujare 1000 guldenojn de la imperiestro. Lia plej grava sukceso estis la transporto de la biblioteko en la burgo de Ambras al Vieno. Tiu burgo situas proksime de Innsbruck en Tirolo. Post la forpereo de la tirola linio de la Habsburgoj li kondukis 583 manskribaĵojn kaj 1500 presaĵojn per ŝipo sur la riveroj Inn kaj Danubo al Vieno. La 600 km longa droŝka veturo de Vieno ĝis Ambras tiam daŭris almenaŭ 14 tagojn, hodiaŭ per aŭto nur ok horojn.
Aliaj en Ambras kaŝitaj verkoj venis nur en la jaro 1806 al Vieno, interalie la „Ambrasa Libro de la Herooj“.

La nuna palacosimila biblioteka domego kiel parto de Hofburg ĉe Jozefa Placo por bonteni la tutan libraron konstruiĝis 1723 ĝis 1726 en baroka stilo. Centra parto estas la Pompa Salonego, kies ideoriĉa konstruado celas al kvar funkcioj: Glorejo por imperiestro Karlo la sesa[18], biblioteko, librodeponejo kaj legejo. En la mezo de la salonego staras apoteoze diosimila statuo de la imperiestro. Karlo volis starigi monumenton de la scio, ne memorigilon por militaj sukcesoj.

---

[16] Regis kiel germana imperiestro 1637-1657.

[17] Peter Lambeck [lambek], 1628-1680, naskiĝis en Hamburg.

[18] Karlo la sesa, germana imperiestro, regis 1711-1740.



La baroka biblioteko, Josefsplatz 1

Tiam unu el la elstaraj objektoj estis la kolekto de Princo de Eŭgeno[19], kiu ampleksas 15 mil librojn, kiuj ankoraŭ hodiaŭ troviĝas tie. La salonego estas arĥitekta majstroverko de la eminenta arĥitekto Bernhard Fischer von Erlach[20]. Ĝi estas detale strukturita per kolonoj, arkoj, balkonoj, libroŝrankoj, pli alte arangîtaj fenestroj kaj plafonaj freskoj. La finkonstruado okazis sub la direktado de la filo Josef Emanuel Fischer von Erlach[21]. La freskojn pentris Daniel Gran[22]. Baldaŭ evidentiĝis, ke en la nova domego ne eblos stoki la estontajn akiraĵojn. La lokoj teretaĝe sub la

[19] Eŭgeno de Savojo, 1663-1736, franca nobelo, militestro de la habsburga Aŭstrio.

[20] Bernhard Fischer von Erlach [fiŝer fon erlaĥ], arĥitekto, 1656-1723.

[21] Joseph Emanuel Fischer von Erlach [jozef emánuel fiŝer fon erlaĥ], 1693-1742, arĥitekto, filo de Bernhard Fischer von Erlach.

[22] Daniel [dániel] Gran, 1694-1757, aŭstria pentristo de la baroka epoko.

Pompa Salonego servis kiel remizo por ĉaroj. La kela etaĝo estas 10 metrojn sub la nivelo de la Pompa Salonego kaj estas ne aerumebla.




Imperiestro Karlo la sesa
sur arĝenta Talero el la jaro 1737

1745 Gerard van Swieten[23] iĝis direktoro de la imperiestra biblioteko kaj aĉetis multe da novaj verkoj, ne nur libroj, sed ankaŭ sciencaj eksponaĵoj. Krome li bindis kaj renovigis multajn verkojn.

1780 ĝis 1781 Gottfried van Swieten[24] reorganizis la katalogon per novigo: Por ĉiu libro li notis la informojn sur aparta slipo - entute estas 300 mil - kaj ordigis ilin alfabete en 205 skatoloj, kiujn oni nomas kapsuloj. Temas pri la unua slipa katalogo en la historio de la bibliotekoj. Ĝi estas la bazo por scienca okupiĝo pri biblioteka laboro. Slipara katalogo povas esti daŭre aktualigata.

En la 19-a jarcento eminentaj slavaj sciencistoj laboris por la imperiestra biblioteko. La slavaj kolektoj kaj la pliampleksigo de la kolektoj de

---

[23] Gerard van Swieten [fan sviten], 1700–1772, nederlanda reformema kuracisto, propra kuracisto de imperiestrino Maria Theresia.
[24] Gottfried van Swieten [gotfrid fan sviten], 1733–1803, filo de Gerard van Swieten, aŭstria diplomato kaj direktoro de la imperiestra biblioteko.

papirusoj, manskribaĵoj, mapoj, muzikaĵoj kaj portretoj kaj presaĵoj iĝis la fundamento de la nuna multfaceta objektaro de ANB.



En la Pompa Salonego (Prunksaal)
troviĝas 200 mil libroj el la jaroj 1501 ĝis 1850.
En la mezo la statuo de imperiestro Karlo la sesa[25].

Komence de la 19a jarcento la kortega biblioteko organiziĝis denove kaj estis baldaŭ unu el la plej gravaj kaj ampleksaj humansciencaj bibliotekoj de la mondo. 1928 la Esperantomuzeo iĝis parto de la biblioteko. En la 1930-aj jaroj oni planis konstrui 26-etaĝan centran bibliotekon en la 9-a distrikto por la libroj de la nuna ANB, Teknika Universitato kaj Universitata Biblioteko. Pro financaj kialoj la plano ne realiĝis.
1992 inaŭguriĝis subtera librostorejo sub Burga Ĝardeno. 2005 translokiĝis la Esperantomuzeo kaj la Kolekto por Planlingvoj de la

[25] La statuon skulptis verŝajne Antonio Corradini [antónio koradini] en la jaro 1735. Li naskiĝis 1688 en Venecio kaj mortis 1752 en Napolo.

malfacile trovebla ejo sub Miĥaela Kupolo en la bele renovigitan Palacon Mollard en Herrengasse 9. Tie la Nacia Biblioteko disponas pri moderna, sekura kaj klimatizita loko por deponi librojn kaj aliajn objektojn.

En Palaco Mollard troviĝas ankaŭ la Globusa Muzeo kaj la Kolekto de Muzikdokumentoj.




Sliparo en skatolo,

kiun oni nomas ankaŭ „kapsulo“ aŭ „falsa libro“.



Libroj en Pompa Salonego




Priskribo de la papereta katalogo, 1784

Multaj libroj aperas hodiaŭ en cifereca formo. Tamen en la biblioteko kolektiĝas kaj prunteblas ankaŭ la presita eldono. Multaj libroj kaj gazetoj komforte kaj senpage legeblas rete en skanita formo hejme sur la propra komputila ekrano. Se vi serĉas libron, vidu sub www.onb.ac.at.

En sia „Vizio 2025“ ANB priskribas sian strategion kaj pozicion por la estonteco: Libera aliro al la scio; novigo; klerigo; respondeco por la heredita scio. La tradicia “biblioteko por kleruloj” transformiĝis al “malfermita centro de la scio” en la 21-a jarcento. La kvin celpunktoj estas:

a) La dokumentoj alireblas ankaŭ en cifereca formo;
b) Ĉia scio en ĉia formo estas kolektata;
c) La aliro al la scio estas pli facila;
d) Pere de ANB esplorado estas pli multspeca kaj efika;
e) ANB pliriĉigas la kulturan kaj socian vivon.



La foto sur paĝo 1 montras doktorinon Johanna Maria Rachinger [ráĥinger], *1960, ekde 2001 ĝenerala direktorino de la Aŭstria Nacia Biblioteko, kaj magistrinon Michaela Pfundner [miĥaela], *1965, verkistino kaj direktorino de la bilda arkivo de la Aŭstria Nacia Biblioteko.





La Bulteneto. Jaro 2018. Numero 8.  Autoroj: Walter kaj Renate Klag.

Redaktejo: 1190 Wien, Rudolfinergasse 8/11, esperanto@chello.at.




## La imperiestra kastelo Hofburg en la unua distrikto de Vieno

8 … La Pompa Salonego (Prunksaal)
13 … Miĥaela kupolo, iama sidejo de Internacia Esperanto-Muzeo IEM
E … Jozefa Placo (Josefsplatz)
C … Miĥaela Placo (Michaeler Platz)
G … Burga Ĝardeno (Burggarten)
Norde de C … Herrengasse 9, Esperanto-Muzeo
Pliaj klarigoj: de.wikipedia.org/wiki/Hofburg

**Fontoj – Quellen**

Johanna Rachinger (Hg), Schatzkammer des Wissens, Wien 2018.
Harry Kühnel, Die Hofburg, Wien 1971.
Felix Czeike, Historisches Lexikon Wien, 5 Bände, Wien 1992-1997.
Wikipedia.

Filmoj – Filme:

Erbe Österreich. Lebensraum Nationalbibliothek. 2018.
Aus dem Rahmen. 650 Jahre Nationalbibliothek. 2017.
Mythos Geschichte. Im Auftrag seiner Majestät - Ein barocker Bücherkrimi. 2005.




Ne realiĝis la plano konstrui centran bibliotekon en la 9-a distrikto de Vieno, Währinger Straße – Sensengasse – Spitalgasse.
Tie troviĝas hodiaŭ Arne Carlson – Parko.
El la gazeto „L'Informateur", Wien/Paris, 1937.

# Peter ALTENBERG

## Ĉarma Strangulo

### El la vivo de Peter Altenberg

Walter Klag patro kaj filo

Altenberg naskiĝis en la jaro 1859 kiel Richard Engländer en la dua distrikto de Vieno. Li estis filo de riĉa, asimilita juda komercisto. Kiel kutime en bonstata familio li ne vizitadis elementan lernejon, sed edukiĝis de privata instruisto. Poste li frekventis la Akademian Gimnazion, kie li ne sukcesis fari la abituron. Unu jaron poste li tamen abituris en alia elita gimnazio: Theresianum.

Kiel studento de medicino, botaniko kaj juro li restis sensukcesa. Same li nur mallonge lernis librokomercon. Altenberg estis laŭ konstato de kuracisto nekapabla ion lerni, ĉar lia nerva sistemo estis tro incitiĝema.

Lia pseŭdonimo venas de la vilaĝo Altenberg ĉe Danubo norde de Vieno kaj de knabino! En Altenberg li pasigis ioman tempon ĉe samklasano, kiu havis du fratojn kaj kvar fratinojn, ĉiuj pli junaj ol la knaboj. La fratoj devigis la fratinojn servi: Surtabligi manĝaĵojn, demeti la ŝuojn de la knaboj kaj tiel plu, tute konforme al la tiama rolo de la inoj, kiun Altenberg ofte akre kritikadis. La fratoj eĉ uzis virajn moknomojn por la fratinoj: *Peter* por la plej juna knabino *Bertha*, ĉar la servo fare de inoj estintus sub la digno de la junaj sinjoroj.

La unuan fojon Altenberg uzis sian pseŭdonimon nur en 1896, kiam aperis lia unua libro »Kiel mi ĝin vidas«. Tiam li estis jam 37jara. 1910 li iĝis kristano.



La knabino
Bertha „Peter“ Lecher.

Sen regulaj enspezoj li pasigis la tempon en vienaj kafejoj, teatroj kaj kabaredoj. Oni diris: Se Altenberg ne estas en kafejo, li estas survoje tien. Lia poŝta adreso estis Kafejo Central. Tie nun memorigas pupo el papermaĉaĵo pri li.

Post kiam lia patro bankrotis, Altenberg vivis de plimalpli regula pensio, kiun kolektis liaj mecenatoj. Tiam estis bona kutimo lin finance subteni. Tamen li estis konata kiel petemulo. Iuvespere li diris al sia amiko Karl Kraus:
»Karl, donu al mi dek kronojn, donu al mi dek kronojn!«
Kraus: »Vidu, Peter, mi volonte donus al vi, sed mi vere ne havas!«
Altenberg, malavare: »Mi pruntas al vi!«

Altenberg estis petema kaj ŝparema, sed ne avara. Kiam li mortis en 1919 li heredigis grandan sumon - 107 834 kronojn - al viena porinfana asocio. Krome li posedis 10 000 bildkartojn, kiujn nun havas la Historia Muzeo de Vieno.



Altenberg-Pupo en Kafejo Central, Vieno, unua distrikto.

# Prononcoj kaj klarigoj

Richard Engländer [rîĥard énglenda].

Theresianum [terezianum].

Bertha Lecher [berta leĥa].

Kafejo Central aŭ Café Central troviĝas apud la haltejo Herrengasse de la Viena metrolinio U3.

Krono: Tiama aŭstria monunuo. La ekvivalento de unu krono en la jaro 1910 estas hodiaŭ ĉirkaŭ 10 €.

Vöslau [fesláŭ], kuracbanejo sude de Vieno.

Usona Koktelejo, American Bar aŭ Loos-Bar; ĝi troviĝas en la unua distrikto de Vieno, en Kärntner Durchgang.




Poŝtmarko, Kolo Moser, 1908.
Sur la bildo imperiestro Francisko-Jozefo.

# Tekstoj de Peter Altenberg

## Erinnerungen

Ich soll für ein großes Blatt meine »Memoiren« schreiben. Ja, sind denn nicht alle diese tausend Impressionen in meinen neun Büchern bereits meine »Memoiren?«

Ach, Sie meinen zum Beispiel so:

Es waren einmal zwei gutsituierte hübsche Brüder, die einen Engros-Handel mit kroatischer Bauernware hatten. Es war im Jahre 1857. Da begab es sich, daß die beiden eleganten Brüder in Wien auf einem »Eliteball« waren, wo zwei Schwestern ob ihrer Schönheit dem Erzherzog Karl Ludwig vorgestellt wurden. Um die Jüngere hielt nun der jüngere Bruder am nächsten Vormittag an. »Ja, mein lieber Herr, das wäre ja ganz prächtig, denn Sie sind wohlsituiert und unsere Töchter besitzen nur ihre Schönheit. Aber vor Hermine muß Pauline, die ältere, Achtzehnjährige, verlobt sein!« Da ging der jüngere Bruder denn hin zu dem älteren Bruder und erzählte ihm diese Angelegenheit. Da sagte der ältere Bruder: »Ich darf deinem Glück nicht im Weg stehen, Pauline ist ebenso schön wie deine Hermine, ich werde heute noch mich mit ihr verloben!« Dieser ritterlichen Bruderliebe verdanke ich meine Anwesenheit auf Erden! Meine Mama hieß Pauline.

## Memoroj

Oni postulas, ke por granda gazeto mi skribu miajn rememorojn. Ĉu oni ilin ne jam legis en miaj naŭ libroj?

Eble vi volas ekzemple tion legi:

Iam vivis du bonstataj beletaj fratoj, kiuj havis pograndan komercon per kroataj kamparanaj varoj. En la jaro 1857 okazis, ke la du elegantaj fratoj en Vieno vizitis elitan balon, kie du fratinoj estis prezentitaj al la arkiduko Karlo Ludoviko, ĉar ili estis tre belaj. De la pli juna fratino nun

petis la manon la pli juna frato je la sekva antaŭtagmezo. »Jes, mia kara sinjoro, tio ja estus bonege, ĉar vi bonstatas, kaj niaj filinoj nenion posedas krom beleco. Sed antaŭ Hermine devas esti fianĉinigita Paŭline, la pli maljuna, la dekokjaraĝa!« Iris la pli juna frato do al la pli maljuna frato kaj rakontis al li tiun aferon. »Mi ne povas bari vian feliĉon, Paŭline estas same bela kiel via Hermine, mi ankoraŭ hodiaŭ fianĉiĝos kun ŝi!« Al tiu kavalira fratoamo mi dankas mian ekzistadon sur la tero! Mia panjo nomiĝis Paŭline.

## Vöslau

Vöslau, eigentümlicher Ort, einzige wirkliche Sentimentalität, die ich habe. Deine grünbefranste Station ist geblieben wie eh und je. Nur meine wunderschöne Mama, die mich im Damenbade sorgsam auf ihren Armen wiegte, ist längst nicht mehr. Die Lindenblüten rochen wunderbar, und das sonnengedörrte Holz der Kabinen und die Wäsche der triefenden Schwimmanzüge. Der Kies brannte die zarten Kinder- und Frauensohlen. Vom Wald kam Tannenharzduft, und von den Hausgärten kamen Millefleursgerüche. Meine Mama hielt mich zärtlichst mitten im Teiche, der für mich ein Ozean war! Sie verschwendete ihre romantische Zärtlichkeit an ein egoistisches, verständnisloses Kindchen, das ihren Hals in Angst umklammerte. Wunderbar ist der eingedämmte Bach, von der Station aus bis zum Bade. Links ungeheure üppige Wiesen, die zu nichts zu dienen scheinen und herrliches, dichtes Unkraut produzieren, für nichts und wieder nichts. Der Wind rauscht eigentümlich in den Tannen. Man hält es für einen mysteriösen Aufenthalt für Rekonvaleszenten, für kleine zarte Mäderln. Es ist so ein Sanatorium für müde Menschen. Die graublaue Ursprungsquelle von vierundzwanzig Grad Celsius ist wie lebenspendend. Sie spricht nicht viel, sie murmelt und gewährt! Viele Hausgärten sind voll von Frieden und Pracht. Im Cafégarten hart beim Bade ist es kühl vor Baumschatten wie in einem Keller. Daneben ein unbekannter Park wie ein Urwald. Niemand hat ihn vielleicht je betreten, ihn gestört in seinen überschüssigen Kräftespendungen! Wozu braucht man Brasilien und Lianenverstrickungen und Blütendunst und Geranke?!? Dieser Park ist Urwald. Vöslau, immer noch, seit fünfundvierzig Jahren, ist

deine Station grünbefranst, und in dem Bache plätschern lustig die Enten, die unmittelbar darauf abgestochen werden, denn der murmelnde Bach ist nur ein letztes Reinigungsbad, gleichsam eine Vorleichenwaschung. Beim Bade duftet es nach Lindenblüten. Nichts hat sich verändert. Nur meine Mama ist nicht mehr.

## Vöslau

Vöslau, stranga loko, sola vera sentimentaleco, kiun mi havas. Via verdefranĝita fervoj-stacio restis kiel iam kaj tiam. Nur mia mirinde bela panjo, kiu en la porsinjorina banejo zorgeme lulis min en siaj brakoj, jam longe ne plu vivas. La tiliofloroj mirakle odoris, same kiel la sunsekigita ligno de la kabanetoj kaj la tolaĵo de la gutantaj naĝkostumoj. La gruzo bruligis la delikatajn infanajn kaj sinjorinajn plandojn. De la arbaro venis abia rezinodoro, kaj el la vilaĝaj ĝardenoj odoroj de mil floroj. Mia panjo karese min tenis meze en la lageto, kiu por mi estis oceano. Ŝi malŝparis sian romantikan karesemon al egoisma, senkomprenema infaneto, kiu timante ĉirkaŭplektis ŝian kolon. Belegas la rivereto, kiu fluas de la stacio ĝis la banejo inter digoj. Maldekstre grandegaj abundaj herbejoj, kiuj ŝajnas utili al nenio, kaj produktas belegan densan fiherbaron, por nenio, por nenio. La vento strange susuras en la abioj. Oni kredas la lokon mistera restadejo por resaniĝantoj, por malgrandaj, gracilaj knabinetoj. Tiel ĝi estas sanatorio por lacaj homoj. La dudekkvar gradojn varma akvo el la grizblua fonto estas kvazaŭ vivodona. Ĝi ne parolas multon, ĝi murmuras kaj plenumas! Multaj domĝardenoj estas plenaj je paco kaj pompo. En la kafeja ĝardeno tuj ĉe la banejo estas malvarmete kiel en kelo pro la arba ombro. Apude nekonata parko, kvazaŭ praarbaro. Eble neniu ĝin iam eniris kaj maltrankviligis ĝiajn troajn fortodonacojn. Por kio oni bezonas Brazilon kaj kunplektitajn lianojn kaj florhaladzon kaj grimptigaron?!? Tiu parko estas praarbaro. Vöslau: Ĉiam ankoraŭ, ekde kvardekkvin jaroj, via stacio estas verdefranĝita, kaj en la rivereto gaje plaŭdas la anasoj, kiuj tuj poste estos buĉataj, ĉar la rivereto funkcias nur

kiel lasta puriga bano, kvazaŭ antaŭfunebra lavado. Ĉe la banejo odoras tiliofloroj. Nenio ŝanĝiĝis. Nur mia panjo ne plu vivas.

## Der Brand

Um zwei Uhr morgens kam die Nachricht in die American Bar, daß ein Palais nächst dem Stadtpark in Flammen stehe. Wir ließen unsre wunderbaren Mischungen sofort stehen, fuhren im Fiaker rasend hin.

Auf dem Dache des fünfstöckigen Palastes leuchteten die weißen Magnesiumfackeln der Feuerwehr, und goldgelbe und rote Funken fielen zur Erde. Unten im Finstern der Straßen leuchteten die Lampen der Feuerwehr Automobile wie getreue Wächterhundeaugen! So besorgt-gutmütig!

Der Stadtpark war schwarz und einsam. Auf einer Bank saßen zwei, Hand in Hand. Sie betrachteten den Brand des Palais, hörten die Feuerwehrsignale: »Wasser! Wasser! Wasser!«, und sie waren und sie blieben versunken in ihrem eigenen unentrinnbaren Schicksal, Hand in Hand.

Das Palais brannte, und man erließ für die obern Parteien bereits die Nachricht, sie möchten delegieren und herabkommen - - -.

Der Stadtpark war einsam und im
Dunkeln - -.

## La incendio

Je la dua matene venis mesaĝo en la Usonan Koktelejon, ke apud la Urba Parko palaco estus en flamoj. Ni ne eltrinkis niajn mirindajn miksaĵojn kaj tuj alrapidegis per fiakro.

Sur la tegmento de la kvinetaĝa palaco lumis la magneziaj torĉoj de la fajrobrigado, kaj orflavaj kaj ruĝaj fajreroj falis teren. Sube en la malhelo

de la stratoj lumis la lampoj de fajrobrigadaj veturiloj kiel la fidelaj okuloj de gardhundoj! Tiom zorgemaj-bonanimaj!

La Urba Parko estis nigra kaj soleca. Sur benko sidis du, man’ en mano. Ili observis la brulon de la palaco, aŭdis la ordonojn: »Akvon! Akvon! Akvon!« Kaj ili estis kaj restis enprofundiĝintaj en ilia propra senelira sorto, man-en-mane.

La palaco brulis, venis la alvoko por la loĝantoj en la supraj etaĝoj, ke ili forlasu ĉion kaj iru eksteren - - -.

La Urba Parko estis soleca kaj malhela - -.

## Zitate Citaĵoj

Überall gibt es Zuschauer - Menschen, die an etwas interessiert sind, das sie gar nicht interessiert.

Ĉie estas spektantoj – Homoj, kiuj interesiĝas pri io, kio ne interesas ilin.

Die Mode ist ein ästhetisches Verbrechen. Sie will nicht das Endgültig-Gute, das Endgültig-Schöne. Sie will immer nur etwas Neues.

La modo estas estetika krimo. Ĝi volas ne la finfine bonan, ne la finfine belan. Ĝi nur volas ĉiam ion novan.

Gott denkt in den Genies, träumt in den Dichtern und schläft in den übrigen Menschen.

Dio pensas en la geniuloj, revas en la poetoj kaj dormas en la ceteraj homoj.

# 95. Deutscher Esperanto-Kongress

# und

# Französischer Esperanto-Kongress

# und

# Luxemburger Esperanto-Kongress




## Dreiländer-Esperanto-Kongress in Zweibrücken
## 18. - 21. Mai 2018 Pfingsten

**Thema: Esperanto - global vernetzt**

Unser Kongressgebäude ist die Hochschule, Amerikastraße 1, 66482 Zweibrücken/Pfalz.

Einige der Programmpunkte:

Stadtführung im Stadtzentrum, Besuch von Europas Rosengarten, Besuch des romantischen Schlosses “Fasanerie”, Begegnung mit Pferden auf “Anjas Ranch”, Busfahrt nach Pirmasens und Umgebung, Busfahrt nach Blieskastel, Busfahrt nach Bitsch (Frankreich).
Fachvorträge, Internationaler Abend mit Musik und Tanz, Gottesdienst.

Informationen, Kontakt und Anmeldung:

Internationaler Esperanto-Klub Zweibrücken, Postfach 2019, 66470 Zweibrücken

95aGEK@esperanto-reto.eu

# Esperanto in Wien lernen

ESPERANTO

## EINE STUNDE KOMPAKT

**FÜR STUDENTINNEN UND STUDENTEN**

im Café Schopenhauer, Wien 18., Staudgasse 1.
5 Gehminuten von U6 Währingerstraße.
Die Termine erfahren Sie bei
esperanto@chello.at
Teilnahme kostenfrei • Keine Spende



## Esperanto-Jugend-Lernrunde Wien

für Junge und Junggebliebene,
für alle Sprachniveaus.
Bei der besten, größten und billigsten Pizza Wiens lernen wir in gemütlicher und unterhaltsamer Runde ganz individuell.
**Pizzeria Mafiosi, Wien 15., Reindorfgasse 15**
Termine und Anmeldung: jel_vieno@yahoo.com
Teilnahme kostenfrei • Keine Spende



## Freie Esperanto-Lernrunde Wien

Termine: kurt.lhotzky@gmail.com
Literaturbuffet, Wien 2., Rotensterngasse 2.
U2 Taborstraße
Teilnahme kostenfrei • Keine Spende

# DIE NEUE SILBERMÜNZE-MEDAILLE 100 STELOJ




Anlass: 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure
17. März 1868 – 2. Dezember 1943

René de Saussure war ein Schweizer Sprachwissenschaftler und der Erfinder des universellen Geldes.
Sein Bruder Ferdinand de Saussure war der Begründer der modernen Linguistik.
Streng limitierte Auflage: 1000 Stück, keine Nachprägungen. Durchmesser: 37 mm.

Oberfläche: Polierte Platte. Lieferung in einer Original-Kunststoffkapsel der Münze Österreich.

Masse: 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 Gramm). *Zertifikat gratis.*

*Aus gesetzlichen Gründen ist die Silberpunze 925 aufgeprägt.*

Herausgeber und Entwerfer: Mag. Walter Klag.

Künstlerische Feinarbeit: Mag. Helmut Andexlinger, Chefgraveur der Münze Österreich AG.

Helmut Andexlinger leitet seit 2016 die Graveurabteilung der Münze Österreich. Er hat die Fachschule für Metalldesign in Steyr absolviert, ebenso das Studium der Kommunikationswissenschaften an der Universität Wien.
Zu seinen größten Erfolgen zählt das Design für die 2-Euro-Münze 2012, die in 17 Ländern in Umlauf ist; er gewann dafür einen Wettbewerb mit 800 Einreichungen.

Hersteller: Münze Österreich AG, Wien 3., Am Heumarkt 1; muenzeoesterreich.at

Stelomünzen werden bei internationalen Veranstaltungen verwendet. Trotzdem werden sie auch Medaillen oder Zahlmedaillen genannt.
Weitere Informationen bei de.wikipedia.org/wiki/Stelo und https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo



La Bulteneto. Jaro 2018. Numero 8. Autoroj: Walter kaj Renate Klag.
Redaktejo: Rudolfinergasse 8/11, 1190 Wien, Aŭstrio.
esperanto@chello.at

# Esperanto-Kongresse für junge Leute




Internacia Junulara Kongreso IJK

Somera Esperanto-Studado SES

Junulara Esperanto-Semajno JES




Klaĉ-Kunveno Post-Somera KKPS

Franca Esperanto-Semajno Terure Organizita FESTO

| |
|---|
| Bei einigen dieser Kongresse kann man mit Steloj zahlen.<br>1 Eŭro ≈ 4 Steloj 1 Stelo ≈ 25 €-Cent |









# GEDENKJAHR 2018

## 2018 ist Saussure-Jahr. Vor 150 Jahren, am 17. März 1868, wurde René de Saussure in Genf geboren.

Nach dem Studium der Sprachwissenschaft und der Mathematik verfasste er sein wichtigstes Werk "Über die Wortbildung im Esperanto".

1907 publizierte René de Saussure das Projekt einer universellen Währung, die er "Spesmilo“ nannte. Aus dem französischen Wort "espèce" leitete er "speso" ab. Mil bedeutet 1000. 1 Spesmilo (Sm) = 10 Spescentoj (Sc) = 100 Spesdekoj (Sd) = 1000 Spesoj.




Sm




Diese Währung wurde offiziell von einigen britischen und Schweizer Banken verwendet.

Der Spesmilo (Sm) hatte den Wert von 0,733 g reinem Gold und konnte wegen der Goldbindung leicht in andere Währungen umgerechnet werden:
1 Sm = 2 Britische Schillinge = 1 Russischer Rubel = 0,5 US-Dollars = 2,5 Schweizer oder Französische Franken = 2,5 Spanische Peseten.

Die Münzen zu 1 und 2 Sm waren und sind bis heute begehrte Sammelobjekte und verschwanden daher schnell aus der Zirkulation. Seit 1919 hat der Spesmilo nur mehr numismatischen Wert.

1942 wurde in den Niederlanden die Universala Ligo gegründet. Diese Organisation trat für die internationale Verständigung und eine universelle Währung ein. Der Name dieser Währung ist Stelo (Esperanto: Stern; Mehrzahl Steloj). 1959 wurden Münzen zu 1, 5 und 10 Steloj geprägt, 1965 folgten drei Varianten einer 25-Steloj-Münze. Auch Papiergeld wurde herausgegeben. Die Steloj eigneten sich sehr gut vor allem für die Überweisung von kleineren Beträgen im internationalen Zahlungsverkehr. Auch diese Münzen und Geldscheine wurden eifrig gesammelt und sind heute sehr gesucht.






Zur 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018 wurde eine silberne Medaille in Form einer Münze mit einer Nominale von 100 Steloj herausgegeben. Sie besteht aus 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 g), der Durchmesser beträgt 37 mm. Hersteller ist die Münze Österreich, eine Tochter der Österreichischen Nationalbank. Die künstlerische Feinarbeit stammt von Mag. Helmut Andexlinger, der Chefgraveur der Münze Österreich ist. Andexlinger leitet seit 2016 die Graveurabteilung der Münze Österreich. Er hat die Fachschule für Metalldesign in Steyr absolviert, danach studierte er Kommunikationswissenschaften an der Universität Wien. Zu seinen größten Erfolgen zählt das Design für die 2-Euro-Münze 2012, die in 17 Ländern in Umlauf ist; er gewann dafür einen Wettbewerb mit 800 Einreichungen.




Esperanto ist im Aufschwung. In den letzten drei Jahren meldeten sich über 1,5 Millionen bei den kostenfreien Esperantokursen von lernu und duolingo an. Parallel dazu steigen auch die Teilnehmerzahlen bei Esperanto-Jugendkongressen.

Abbildungen von Stelo-Münzen findet man bei Wikimedia Commons unter https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

Mag. Walter Klag, Korrespondent des esperantosprachigen Magazins Monato
www.monato.net, Rudolfinergasse 8/11, 1190 Wien, Österreich, Europäische Union.



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h
**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen**,
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**

Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono - K